


**ILUSTRITA REVUO MONATA**

**Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj,,**

## TEKSTO

# TRAJANO

(TRAĤANO)

Dum la abomeninda milito pasinta, multfoje mi ĉagreniĝis aŭdante laŭdegojn, pri faroj de generaloj germanaj en Oriento kontraŭ Rumanoj kaj Serboj; multe mi ĉagreniĝis kiam mi aŭdadis pri *tiuj mirindaj militekskursoj* kvazaŭ ili estus la plej studindaj kaj rimarkindaj militagoj, kaj mi sentis, ke tiuj laŭdoj estis ofendantaj mian patrujamon ĉar tra Rumanujo ĝis la Persa golfo, hispana generalo, romana imperiestro, pasadis de sukceso en sukceson. Tiuj laŭdegoj elmontris al mi nescion pri la gloraj paĝoj priskribantaj farojn de unu el grandaj Hispanoj, kiun akompanis aliaj multaj Hispanoj.

*Trajano* naskiĝis en *Itálica* (Italika), fama urbo romana apud *Sevilla* (Hispanujo), je la 18.ª de Septembro de la jaro 53, kaj mortis en *Selinonte* (*Cilicia lando*) je unu el unuaj tagoj de Aŭgusto de la jaro 117. Li estis filo de bonfama kaj sperta militisto kaj la unua provincano kiun oni elektis imperiestro; estis *tribuno (tribunus)*, t. e., legiestro dum dek jaroj, kaj sin elmontris sperta militisto dum milito kontraŭ la *Partos*. Oni nomis lin *pretor* (*praetor*) antaŭ la jaro 86, kaj tial ludis la juran magistratecon en provinco romana; lin nomis *consul*, t. e., unu el du magistratoj ludantaj la superan estrecon en *Roma*, la jaro 91; tuj lin nomis *legado* (*legatus*) por unu el du provincoj germanaj submetitaj de Roma, t. e., reganto la provincon. Konstante li estis amata de siaj soldatoj kaj respektata kaj timata de siaj malamikoj. Jaron 97.an, *Nerva* adoptis lin por kunregadi la imperion, kaj anstataŭis la adoptinton sur la imperia trono kiam *Nerva* mortis la 27.an de Januaro de la jaro 98.ª, kiam ankoraŭ *Trajano* estis en *Colonia* (Germanujo). La militistaro aklamis lin kaj oni donis al li la titolojn *Augusto* kaj *Çesar* eĉ posedante la juran estrecon.

*Trajano* komencis sian regadon prenante sur sin de nove la juran estrecon, en Germanujo men, ĉar li nur forlasis la germanajn provincojn kiam li estis atinginta firme starigi la pacon kaj per sia konduto mem disciplinigi la militistaron. Alveninte al *Roma*, li eniris la urbon piede, aklamata de la popolamaso. El liaj unuaj decidoj unu estis progresigi la institucion fonditan de *Nerva*, per kiu *la ŝtato mem prenis sur sin la taskon zorgi kaj eduki la liberajn infanojn kies patroj estis malriĉaj.*

Li solvis la tiam gravan problemon pri nutraĵoj pere libera intersanĝo, malplialtigante la tarifojn; malfermante novajn havenojn, riparante la ŝoseojn kaj konstruante novajn, malsato malaperis el ĉie, kaj tial ke, kvankam Egiptujo estis unu el tritikejoj de *Roma*, estis jaroj nefruktodonaj en tiu lando, *Roma* satigis la Egiptojn; altrudis tre moralan administradon; reorganizis la panfabrikistaron al kiu donis pli da privilegioj; malaperigis la multpezajn impostojn kaj starigis rajton plendi kontraŭ decidoj de la registaro. Li eksleĝigis la konfiskojn pro ofendo al la imperiestreco kaj persekutis la denuncintojn; pliriĉiĝis la publikan trezoron vendinte la bienojn konfiskitajn de siaj antaŭuloj; donis al sia regatoj la rajton esprimi parole kaj plenlibere ĝiajn opiniojn. La leĝo severe aliris ĉien dum lia regado kaj *procónsules* kaj *legados* ĉiam estis respondaj je perfekta justeco kaj ofte tiuj suferis gravajn punojn. Ĉu vi, karaj legantoj, ne

sentas dezirojn revivigi nian gloran antaŭulon?!

Je la jaro 101, *Trajano* iris militi kontraŭ la *Dacios* loĝantaj la regionojn *Tameswar, Transilvania, Valaquia* kaj *Moldavia*. Li eniris la *Panonia'n* kaj la *Mesia'n* kaj sekvante la fluon de la rivero *Save* alvenis al *Danubio*; kondukis sian militistaron ĝis la rivero *Morava (Margus)* kaj de ĉi tie al *Kostolatz (Viminacium)*, kie la fluo de l' *Danubio* permesis konstrui ponton el barkoj, kaj same li ordonis fari pli suben profitante la mallarĝecon da la rivero ĉar la lastaj altaĵoj de la *Cárpatos* mallarĝigis la fluejon. Sendube ĉi tiujn du vojojn sekvis la legioj de *Trajano* por eniri *Dacia'n*, sekvinte *Trajano* mem la plej okcidentan kaj liaj generaloj la alian. La militistaroj kuniĝis ĉe la enfluejo de l' *Temes* kaj la *Bistra*, de kie li minacis *Sarmizegethusa'n*, la ĉefurbon de *Dacia*, en kiu reĝis *Decébalo*. Por atingi ĉi tiun lokon, la romana militistaro estis devigata venki multenombrajn malfacilaĵojn kaj plene frakasinte la malamikojn per tri grandaj bataloj li almilitis la ĉefurbon kaj altrudis humiligantan pacon al la *Dacios*. Subskribita la paco, Trajano revenis al *Roma* rekompencis malavare soldatojn kaj generalojn siajn kaj ricevis la titolon *Dácico*.

Pro perfido de *Decébalo*, Trajano de nove iris *Dacia'n* militi la perfidulojn kiujn li ree tutplene venkis pro kio *Decébalo* sin mortigis kaj tiam *Dacia* estis konsiderata romana provinco, je la jaro 106. Dum ĉi tiuj militoj, Trajano konstruis militŝoseon deiranta de la rivero *Mein*, tra la *Nigra Albarego* al la *Danubio*, kaj de ĉi tiu, laŭlonge la rivero, ĉe ĝia bordo dekstra ĝis ĝia alfluejo al *Nigra Maro*. Tiam greko nomata *Apolodoro* direktis konstruadon de ponto el ŝtono kiun oni supozas starinta inter *Gladova* (Serbujo) kaj *Turu-Severin (Valaquia)*.

Dume, generalo de *Trajano*, *Cornelio Palma*, almilitis *Ŝtonan Arabujon*, deklarante ĝin romana provinco.

Per la trezoroj de *Decébalo*, li beligis *Roma'n*, plibonigis la stratojn, konstruis havenojn, kondukis akvon de la lago *Sabatino* al *Roma*, por kio oni konstruis akvokondukilon longan je 35 mejloj; starigis tre artan popoldiskutejon aŭ forumon, kies ruinaĵoj vidigas al ni la plej elegantan kaj majestan stilon romanan. Je lia honoro, oni starigis, kelkajn arkaĵojn triumfajn kaj la faman kolonon *trajanan*, alta je 100 *piedoj* sur kiu oni legas la ĉefajn okazintaĵojn pri la militoj kontraŭ la *dacios*. Oni starigis la bazilikon *Ulpiana'n* kun ĝia biblioteko en kiu oni admiris la statuojn honorantajn la plej famajn verkistojn; kaj en la centro de vasta vestiblo ĉirkaŭata de kolonaroj la rajdantan statuon de l' imperiestro, tia estis la Forumo de Trajano.

Li ordonis fari la artifikan insulon kiu ankoraŭ aperas kontraŭ *Civita-Vechia*; la kanalon, kiun formas la okcidenta fluejo de l' *Tiber*, kiu estis la plej kutima vojo tiama por la navigacio inter *Roma* kaj *Fiumicino*; la arkaĵojn de *Benevento* kaj *Ankona* kaj kanalon en la istmo de *Suez*.

Akompanis Trajanon militi la *Dacios'n* intima kaj neapartigebla amiko, ankaŭ klera hispano fama, *Licinio Sura*, kaj inter liaj konsilantoj estis *Plinio la Juna*. La korespondaĵoj, kiujn oni konservis, de la imperiestro al la konsilanto estas rimarkindaj pro siaj concizeco kaj justeco; ili elmontras la spertecon de Trajano pri milito, politiko kaj literaturo; oni deduktas de tiuj korespondaĵoj ke Trajano punis la kristanojn, sed

ne ŝatis, nek atentis, denuncojn kontraŭ ili, kiujn li pardonis kiam ili pentis aŭ ŝajnigis penti.

Li militis la *Partos* kaj submetigis *Armenia'n* per sola militekskurso kaj firmigis la romanan regadon en la regionoj aziaj de la *Nigra Maro* al *Caspia Maro* al *Kaŭkazo* kaj al la rivero *Eufrates* kaj li alvenis per triumfa marŝado al *Hinda Oceano*. Politikaj circonstancoj postulis ĉi tiujn militojn. Ŝajnas ke la eksimperiestro germana konis la sukcesojn de Trajano kaj deziris efektivigi liajn planojn!

Je la fino de la jaro 113, li deiris de Roma kaj je la sekvanta printempo li iris supren laŭlonge la *Eufrates* kaj ĉe la landlimoj de *Armenia* atendis *Partamisiris'n*, princo de la *Partos* pretendanta esti reĝo de Armenia, kiu mortis malmulte da tempo poste dum popolribeleto. La *Granda* kaj *Malgranda Armenio* formis novan romanan provincon. *Albania* akceptis la romanan regadon; kaj almilitinte *Mesopotamia'n*. Trajano starigis vintrajn tendarojn en *Antioquia*. Renovigita la milito kontraŭ la *Partos*, li alvenis al *Singasa*, almilitis *Nisibe*, per ponto el barkoj pasis en la maldekstran bordon de l' *Tigris*, almilitis *Arbelas'n*, *Babilonia'n* kaj *Ctesifonte'n*, la kortegon de la reĝoj *Arsacidas*, gajnante la titolon *Pártico*. Li malsupreniris laŭ la fluo de la Tigris ĝis la *Persa Golfo* kaj kiam li vidis la Oceanon, li bedaŭris ne povi iri pli antaŭen pro sia maljuneco. Liaj generaloj submetigis la ribelojn en *Mesopotamia*, *Cirenáica*, *Chipre*, *Egiptujo* kaj *Partia*. Li almilitis *Hadra'n* rifuĝejo de la arabaj gentoj kiuj konstante atakadetis lin. Ĉi tie ekmalsaniĝis li pro hidropso kiu mortigis lin en *Selinonte*.

Li verkis historion pri siaj militoj kontraŭ la *Dacios* sed la verko perdiĝis. Pri li historiisto senpartia diras: «Li estis la unua generalo de sia tempo kaj kiel politikulo neniam meritis eĉ unun solan riproĉon», kaj tiel amata li estis eĉ de la kristanoj, ke estas mezepoka legendo supozanta ke *Sankta Gregoro*, Papo, petegis kaj atingis la savon de tiel bonega princo. Eĉ *Dante* metas lin en la Paradizo.

Multenombrajn konstruajojn li starigis en Hispanujo kaj ĉiam kaj ĉiel li favorigis sian patrujon. Oni diras ke la fama akvokonduko de *Segovia* estis starigata de li.

*J. M. R.*

---

# La Deka... la Dekdua

Alvokitaj de l'amo multaj homoj bonkoraj
el ĉiu nacieco, el ĉiu seks' kaj aĝo
alkuris al urbego (urb' el la plej valoraj)
de Francujo vizaĝo.

Tute ne puŝis ilin la scivolemo sola
nek persona profito, negoc' aŭ monafero,
ili estis puŝataj ja de sento bonvola
kaj pretaj al ofero.

Ilin jam kelkajn fojojn kunigis sento sama
ĝuante la fratecon kvazaŭ en la ĉielo,
kun l' agrabla ĉeesto de l' elpensinto fama;
ve al ni! plor', duelo!

Ve al ni! plor', duelo! Li forlasis la Mondon
Ĉu ankaŭ Esperanton? Li ne forlasis ĝin;
Lia spirito regas lian amatan rondon
kiu admiras Lin.

Post aliaj Kongresoj ĉiuj la kongresanoj
disiĝis kun amika kaj kun goja konfido
kaj ekkriis dum frate premiĝis ĉiuj manoj:
«Sanon kaj ĝis revido».

La Dekan, same kiel kolombaro trankvila



PLAFONO DE L' VESTIBLO DE LA URBESTREJO (SEVILLA)

kiun paf' el ĉasisto disigas tra l' aero,
ĉiujn ilin disigis la bruego pafila.
plenajn je malespero.

Multaj homoj ekkriis: «Kongreso malbon-
[sorta!»
«Montrigos Esperanton pafilegoj kruelaj!»
Sed ĝi, kvazaŭ Fenikso, renaskiĝas senmorta
el la cindroj malhelaj.

Kaj apud la ruinoj, kie ne flugis fumo,
en la nova Kongreso, kvazaŭ paca reganto
restariĝos lumiga per hela verda lumo...
Vi venkis, Esperanto!

*Rafael de San Millán*

---

# Pro kaj por la infanoj de l' batalintaj landoj

Nia klera samideano S-ro Emilio Gastón kaj zaragozaj Esperantistoj prenis sur sin laŭdindan entreprenon tial ke alvoko de Esperanta Societo por Stirio vekis la Hispanan Esperantistaron helpi kiel eble plej multenombre la Stiriajn geinfanojn. Ĵus oni stariĝis en Zaragozo «Patronaro por la akcepto de Stiriaj infanoj» por Hispanujo kaj ni, ĉiuj hispanaj Esperantistoj, kun plena forgeso pri simpatio aŭ malsimpatio al batalintoj, kun koro plena je amo, je sindonemo, ni alkuru rapide ripari tiom da malfeliĉo kaj eĉ mi kuraĝas peti iom da memoferemeto pri la kutimaj elspezoj ĉiutagaj kaj dediĉi la ŝparon por ili, por la malfeliĉuletoj nekulpaj.

Esperantistoj, Esp. Societoj devos sin turni al la «Patronaro»; respondu favore la jenan alvokon de S-ro Gastón:

«Karaj samideanoj:

»Ĉi tie ni projektas, ke la infanoj loĝu ĉe ni dekdu *monatojn*, kaj ke la Patronaro, krom studo kaj akcepto de la individuaj petoj pri infanoj gastigotaj hejme, aranĝu monkolekton por kiu ne nur oni ricevos unufojajn mondonacojn sed ankaŭ 12-monatajn kotizaĵojn, kiuj permesos gastigi infanojn en la Provinca Infanejo aŭ en aliaj gastejoj.

»En kelkaj lernejoj kaj pensionejoj la lernantoj aŭ lernantinoj pagos per malgrandaj 12-monataj kotizaĵoj la jaran pensionon de gastigotoj en siaj lernejoj.

»Bonvolu komuniki al mi viajn projektojn kiujn mi transdiros al la Patronaro, kaj faru tion hispanlingve por ke mi ne havu la ŝarĝon traduki ilin.

»Tre kore al vi.»

Esperantistoj el Huesca, Vich, Tarrasa, Manlleu, Valencio, k. c. jan interrilatiĝadas kun la Patronaro, kaj la sukceso estos certa. Ĉie estas nia devo transporti la ideon for de ni, kiel faris zaragozanoj; ni devas interesi ĉiujn personojn kaj celi allogi al la belega entrepreno ĉiajn Societojn, ĉiajn Aŭtoritatestrojn, Profesorojn, Instruistojn, Studentojn; ni devas celi ke la gazetaro helpu nian laboron; ke en la lernejoj, institutoj kaj universitatoj helpu nin: unufraze, «ke nia ago estu kvazaŭ ondo aliranta interesi ĉiujn korojn», kaj se ni tiel agus, ne dubu ke ni sukcesus ĉar ĉiam Hispanujo respondis entuziasme ripari la malfeliĉon, kaj tiam ni ne nur povus atenti pri Stirianidoj, sed ankaŭ pri malfeliĉuletoj de aliaj landoj. Ni voku niajn geinfanojn starigi konstantan monkolekton; konstantan nutrajkolekton; konstantan rikolton el kuraciloj kaj eĉ el pupoj kaj ĉiaj ludiloj por tiuj malfeliĉuletoj kiuj restas en iliaj landoj, ĉar sciu la jenon: en *Serbio*, la infanoj suferas pro manko de lakto kaj de ŝuoj; la 80 °/o el ili estas tuberkulozaj; 200.000 infanoj ne havas patron, nek patrinon! En *Germanujo* la infana mortaleco pligrandiĝis je 50 °/o, kaj la patrinoj grandnombre mortis kaj mortas sekve de malsanoj kaptitaj dum vintraj noktoj, kiam ili baraktadis antaŭ la nutraĵtenejoj por ricevi la bezonajn vivrimedojn, kaj iliaj infanoj tiel malfortaj estas ke ili ne plu povas ludi. La nombro de la infanoj krimemaj estas granda, kaj ŝtelas por mangi! En *Polujo*,

kvankam la registaro aktive fondis kaj plivastigis orfejojn por la Polanidoj, tamen la situacio estas terura: 150.000 orfoj estas, el kiuj multaj vivas duonsovaĝe en la arbaro En *Ukranio* pligrandiĝis la terura situacio ĉar la armeoj pasadis kaj repasadis la landon kaj mankas ĉio, tial komprenu suferon de la infanaro! *Francujo, Belgujo, Austrio, Hungarujo, Ĉeĥoslovakujo, Bulgarujo* kaj *Rumanujo*, bezonas helpon por siaj infanaroj. En Armena Kaŭkazo estas 250.000 orfoj! Pro tiom da malfeliĉo la Papo faris alvokon al ĉiuj katolikoj stariginte monkolekton je 28.ª Decembro pasinta kaj tiun ĉi decidon akceptis la Protestantaj Eklezioj; la Papo insistis disdoni la sumon inter ĉiuj eŭropaj infanoj suferantaj, *ne speciale inter katolikaj*. Alkuru, diligente al S-ro Gastón – strato Don Jaime I, 68, Zaragoza - kaj eklaboru de rondo en fondon kaj ne forgesu ke «maro estas gutaro».

Bonvolu traduki kaj aperigi ĉi tiun artikolon sur lokaj ĵurnaloj.

## "SPITE ĈIO"

Kial terura Fatalo
mian koron ĉiam celas?;
kial senkompate vundas
tiun, kiun mi amegas?;
kial ĝi la mian senton
en mia koro kunpremas
kaj devigas min silenti?

..............................

Lojala resti mi devas;
kaŝi en korprofundajon
tion, kion mi silentas,
ĉar tiel postulas al mi
la sent', kiu min korpremas;
tial nur ĉi tiuj kantoj
kiel konsol' al mi restas!

Diro, skribaĵ', rememoro,
eĉ ĉagren', ĉiam ĝi estas
dolĉa al la koro mia;
kaj se ŝajnus ke ĝi plendas,
ĉar la kruelan doloron
hazardo en ĝin entrenas,
vi ne atentu pri tio,
rimarku, ke mi ne pentas
kantadi la mian senton,
tiun, kiu min plenregas.

J. J. Franco

## Kavaliroj de la Templo

Oni diras, ke la francaj kavaliroj Hugo de Paganís kaj Jofre de San Ademaro kun aliaj sep kavaliroj, fondis je 1118 Ordenon kiun ili nomis de l' Templo, pro kio la kavaliroj estis nomataj *Templanoj*. Oni supozas, ke ili donis al la Ordeno tian nomon tial ke Balduino II.ª, reĝo de Jerusaleno, donis al la kavaliroj domon najbaran je la ruinoj de l' Templo de Salomono; aliaj supozas, ke ili ricevis tian nomon ĉar ili sin konsideris defendantoj la novan templon. Ili vivadis komunume, promesante obeemon, ĉastecon kaj humilecon pri riĉajoj, survestante blankan mantelon sur kiu poste oni almetis ruĝan krucon. La plej altragan el ili oni nomis Granda Majstro; ili havis sekretajn ceremoniojn kaj iniciatis la adeptojn dum la nokto ŝajnigante la transiron de li sovaĝeco al la civilizacio, de la pasioj al la virto; oni diras ke la adepto neegis la krucon per blasfemoj kaj ili dum la ceremonio eĉ kraĉigis la krucon, sed tio ĉi estas supozitaĵo de la malamikoj. Dum la ceremonio enirigis la adepton trifoje, kaj je la fino la adepto faris la ĵuron; kaj la Templanoj punis per morto la perfidon de kiu ajn el siaj anoj, kaj ankaŭ ĉian personon celanta koni siajn sekretojn. Tute falsa estas la kredo

pri la Templanoj kiel fondintoj la Universalan Framasonaron kvankam iuj tion pretendis pro iliaj gradoj kaj ceremoniaro.

La Ordeno kalkulis 30.000 kavalirojn kaj kapitalon da 112.000.000 funtoj, kaj tial ĝi estis timinda kiel povo, kaj ĉi tio okazigis, ke la Eklezio kaj la reĝoj kunagadis kontraŭ la Ordeno kulpigante ĝiajn membrojn pri krimoj, diboĉado kaj ĉiaj terurajoj kaj malhonorajoj kiujn kredis la popolamaso, kaj kiujn eĉ ĉi tiu troigis sin bazante por tio kauze de la mistero de la ceremonioj; ankaŭ oni sin fundamentigis per la diroj de iuj konsiderataj *ekstemplanoj*, sed tiu fundamento estas falsa ankaŭ, ĉar la kavaliroj neniun eksigis el la Ordeno; kaj oni jam scias la punon por la perfiduloj. Oni aljuĝis al ili praktiki orientajn ceremoniojn mistikajn kaj diboĉajn, kaj celi la universalan regadon. Je 1307, Filipo IV de Francujo procesis la Templanojn kaj oni uzis dum tiu ĉi proceso la procedojn inkviziciajn. Severa kritiko pri la proceso riproĉas ĉi tiun ĉar la krimoj kaj terurajoj aljuĝitaj al la kavaliroj estas nekredeblaj kaj absurdaj tial ke estas tute kontraŭaj je la principoj aŭ doktrino de la Ordeno, kaj tial ke estis neeble ilin fari pro la diversnacieco kaj lingvoj diversaj de la anoj. En la arĥivo de la Krono de Aragon'o ekzistas kopiajo pri la proceso, ĉar la reĝo *Don Jaime* petis ĝin al Filipo IV de Francujo, kaj la kopiaĵo prezentas nek «unun solan deklaracion subskribitan».

En Francujo terure persekutis la kavalirojn, malliberigis ilin kaj per tro kruelaj turmentoj devigis ilin deklari ilian kulpon, sed neniu subskribis la dirojn; 56 protestis kaj eĉ malkonfesis la perfortaltruditan deklaracion kaj ili estis vivbruligataj, kaj heroe mortis pro tio. Oni liberigis tiujn kiuj sin konfesis kulpaj pro ne sufiĉa kuraĝo; sed multenombraj suferis terurajn turmentojn, kruelan morton eĉ per fajro. Jacobo de Molay, Granda Majstro, kaj aliaj tri kavaliroj protestis heroe kontraŭ tiom da kalumnioj kaj tial oni mortigis ilin per malrapida fajro.

La Papo Klemente V.ª disigis la Ordenon sed ne deklaris ĝin kulpa, nek ekskomunikis ĝin.

La franca reĝo petis je Ferdinando IV de Kastiljio kaj je Jaime II.ª de Aragono persekuti la Templanojn, la 16.an de Oktobro de 1307; la aragona reĝo respondis nee kaj eĉ laŭdis la kavalirojn, sed pro la ordono de la Papo nomis komisiitoj el Inkvizicio por informi pri la Ordeno, kaj tiam la Templanoj de Aragono kaj Katalunlando timantaj kruelajojn samajn kiajn suferis siaj francaj fratoj sin pretigis sin defendi en siaj kasteloj. La reĝo sieĝis kaj almilitis la kastelojn kaj malliberigis grandan nombron el ili. Ĉi tiujn juĝis religia tribunalo en la preĝejo *Corpus Cristi*, en *Tarragono*, la 4.an de Novembro de 1312 kaj plenuminte ĉiajn jurajn disponojn voĉdonis decidon el kiu estas la jeno: «ĉiuj kaj ĉiu el ili estis senkulpigataj pri la krimoj, eraroj kaj trompoj al ili atribuitaj, kaj oni ordonas, ke neniu ofendu ilin tial ke la tribunalo trovis ilin liberaj je ĉia malbona suspekto». La rentojn oni donis al la Ordonoj de Montesa kaj Sankta Johano de Jerusaleno, oni aplikis por aliaj celoj especiale por la milito kontraŭ la maŭroj.

En Navarra facile disigis la Ordenon kaj donis ĝian renton al tiu de Sankta Johano de Jerusaleno.

Ja reĝoj de Kastiljio kaj Portugalujo obeis la ordonon de la Papo kaj ordonis malliberigi kaj procesi la kavalirojn. Tribunalo eklezia juĝis la Templanojn en Salamanca kaj deklaris ilin senkulpaj, sed oni disigis la Ordenon kaj donis la rentojn al la reĝo kaj al la Ordeno de Sankta Johano de Jerusaleno. Tamen oni certigas ke la Templanoj daŭrigis sekrete sian organizon, kaj vivadis komunume.

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.



DETALAĴO DE LA ĈEFSALONO. URBESTREJO (SEVILLA)

# Esperantista Centra Librejo

Sur la koberto de la N.º 10 (76) de «Oficiala Gazeto» aperis la statutoj pri ĉi tiu tre grava fonditaĵo por la disvolviĝo de la movado tutmonda kaj ĝin certigi. Esperantujo bezonas centran librejon, kie ĉiam estos aĉeteblaj la plej gravaj libroj de nia esperanta literaturo, precipe tiuj de nia kara Majstro, D-ro Zamenhof, kaj la plej bonaj verkoj pri instruado kaj propagando, kaj kies profitoj povos esti utiligitaj precipe por la bono kaj sukceso de nia afero.

La fondintoj atingis ke la Librejo Hachette transcedu ĉiujn esperantajn librojn ekzistantaj en siaj magazenoj al Esp. Centra Librejo, laŭ favoraj kondiĉoj, kun la rajtoj de reeldono kiujn ĝi posedas. Ĉi tiu decido de la Librejo Hachette tre bone helpados la sukceson de Esperanto.

La fondintoj konsideris, ke la Esperantistoj havas specialan devon moralan zorgi pri la diligenta ekspluatado de la verkoj de nia Majstro, valoraj fruktoj de lia tutviva laboro dediĉata al la bono de la Homaro, kies profitoj devos nun iri rajte al liaj heredantoj: lia sindonema edzino kaj lia familio kiuj tiom multe helpis lin dum lia por esperanta laborado.

La fondintoj donis kooperativan formon al la societo por ke ĉiuj samideanoj povu interesiĝi al tiu entrepreno, kaj alporti al ĝi siajn monan kaj ĉiuspecan helpon kaj kunlaboradon tial ke per tiu partoprenado la Esperantistaro ne nur servos al la prospero de komerca afero kreita por la profito de nia propagando, sed plie, pagos dankan ŝuldon al la kara memoro de la kreinto de Esperanto.

Akcio valoras *dudekkvin frankojn* kaj espereble estos ke plej granda nombro da hispanaj Esperantistoj akiros *unu akcion almenaŭ.*

Respektinda Generalo Sebert, Membro de la Franca Instituto kaj Prezidanto-fondinto de la Esperantista Centra Oficejo, kun aliaj gesamideanoj fervoraj, entuziasmaj, laboremaj kaj spertaj fondis la Esperantistan Centran Librejon kaj ili estas la plej bona garantio por ke ni estu tre favoraj je tiu entrepreno.

Hispanaj Esperantistoj devos sin turni al Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, 51, París (9.e)

---



---

# La Hundo parolanta

(DE MARK TWAIN)

En kafejo de Nevjorko iam eniris ventroparolisto ludanta tiam en teatro de la granda ĉefurbo usona.

Hundo, kiun multe amis la ventroparolisto, ĉi tiun akompanis, kaj kiam kelnero alkuris por demandi ŝatotaĵon al la hundmastro, ĉi tiu volis iom konfuzigi la kelneron per ŝerco profitante sian kapablon; li petis glason da biero por li, kaj sin turnante al la hundo li demandis:

—Kaj ci, kion ci ŝatos, Teddy?

Kompreneble, Teddy, la hundeto, respondis pere de la buŝo de la ventroparolisto.

—«Sandwich'on» el fromaĝo.

La kelnero miregis kaj irinta al la mastrejo rakontis la okazintaĵon al la mastro. Ĉi

tiu ne volis kredi la kelneron kaj iris en la tablon de la aktoro dirante:

—Pardonu, sinjoro. La kelnero, nedube ebria, ĵus diris al mi ke la hundeto via parolas same kiel persono.

La ventroparolisto respondis:

—La kelnere ne estas ebria, amiko mia. Ĉi tiu hundo parolas, ja. Estas apartenanta al raso el kiu nur restas jam du, ĉi tiu kaj alia posedata de l' reĝo de Anglujo.

—Estas mirinde! —ekkriis la kafejmastro—. Ĉu la hundeto respondas demandojn?

—Demandu kaj provu.

Tiam, la industriisto, sin turnante al la hundo, diris:

—Ĉu estas vere ke vi parolas, mia hunda moŝto?

—Tio, kio estas vero, estas ke mi de antaŭ du horoj petis «sandwich'on» el fromaĝo kaj ankoraŭ oni ne alportis ĝin al mi...

La kafejmastro, kiel bona usonano, tuj komprenis kaj vidis bonan negocon. Tiu hundeto kun blanka antaŭtuko para kaj demandanta la klientaron «Kion vi ŝatos», «Kion vi deziras», havigos al li grandegan kapitalon. Tial, li diris al la aktoro ke li estis decidata aĉeti la hundeton.

La aktoro ekridegis pro la propono, kaj diris:

—Mi ne vendas ĉi tiun hundeton, nenio en la mondo estas sufiĉa por ĝin pagi. Mi ne havas familion, nek amikojn, kaj Teddy estas mia sola kunulo. Vi ne povas imagi kiel ni amas unu la alian!...

La industriisto insistis:

—Mi donas al vi kvincent dolarojn.

La ventroparolisto konsciis, ke tio, kio komence estis humoraĵo, akiris seriozecon kaj ekfariĝis ebla negoco profitdona. Tamen, li ŝajnigis resisti.

Obstine la kafejmastro duobligis la sumon proponitan:

- Mil dolarojn...

Tiam la aktoro ŝajnigis konvinkiĝi dirante:

—Vi trovis min en malbona momento... mi bezonas monon, kaj mi ne scias kiel ĝin trovi... Mi ne volis min apartigi el mia kara Teddy... Sed Dio tion disponis...

Oni finis la intertrakton, kaj farinte la kafejmastro multajn demandojn al la hundo kaj ĉi tiu respondinta perfekte kiel racia estaĵo, la ventroparolisto ricevis mildolaran ĉekon kaj la hundo restis kun la nova mastro; sed kiam la aktoro stariĝis por forlasi la kafejon kaj sian antaŭan kunulon amattan, ĉi tiu kvazaŭ riproĉe tiel alparolis:

—Ha, kanajlo! Ĉu vi vin apartigas el mi? Ĉu vi min vendis por ke oni ekspluatu min? Mi venĝos vian perfidon, tial mi neniam plu parolos.

Kaj, efektive, apenaŭ la ventroparolisto forlasis la kafejon, oni ne povis paroligi Teddy'n.

Esperantigis: ★

---

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro *Julio Mangada Rosenörn* JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtĝire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

# ALBERTO DURER

Parolante pri Alberto Durer oni diris: se li estus naskiĝinta en Italujo kaj studinta en Romo antaŭ la grandaj verkoj de l' antikva epoko, li estus estinta la plej fama pentristo.

La patro estis lerta arĝentisto de Nuremberg kiu instruis sian filon pri desegnarto por lin dediĉi el sia metio, sed tiajn progresojn atingis la juna Alberto, tiel rapidaj kaj mirigantaj estis la progresoj, ke la patro kaj liaj profesoroj bone konsciis esti neeble kontentigi la genion de l' juna artisto, lim-

igante liajn kapablecojn per la muroj de laborejo pri arĝentaĵoj.

La plej fama pentristo el Nuremberg instruis lin pentri, kaj li lernis pentri kaj gravuri la lignon. Poste la juna artisto trairis Germanujon, Belgujon kaj Holandujon, vizitis Venecia'n, Colmar'n kaj Bala'n, sin perfektigante kaj revenis al Nuremberg, kie li edziĝis kun filino de lerta meĥanikisto pro obeemo al sia patro, sed ĉi tiu virino kolera kaj fiera regis lin terure kaj turmentigis lin ĝis lia morto.

Dum ĉi tiu intertempo estis kiam Alberto brilegis pro siaj mirindaj pentraĵoj, el kiuj oni devas rimarkigi, pro ilia artvaloro, Sanktan Johanon la Baptinton, Virgulinon Marion, Adoron de la Orientaj Reĝoj kaj lian portreton.

Iujn jarojn poste, li reiris al Venecia, kie li famiĝis kaj pentris la martirigon de Sankta Bartolome, kiun Rodolfo imperiestro de Germanujo aĉetis kaj sendis al Praga. Lia famo fariĝis europea. Reveninte al Nuremberg li pentris multenombrajn kaj belajn verkojn, kiujn la princoj aĉetis eĉ disputante la akiron. La reĝojn de Eŭropo li portretis per siaj penikoj kaj ili donis al li sian estimon grandan, kaj Karolo V.ª kaj Maksimiliano honoris lin per la titolo «ĉefa pentristo de la kortego»; Karolo V.ª eĉ volis nobeligi lin kaj Ferdinando, reĝo de Bohemujo kaj Hungarujo, montris sian estimon al li per gravaj donacaĵoj. Ĉio ĉi tio, krom lia nediskutebla merito, kreadis al li multenombrajn malamikojn, sed liaj milda karatero kaj nobleco de sento allogis la plej povajn altrangulojn kaj ĉiujn ĉirkaŭantajn lin; tamen, malgraŭ honoro, famo kaj estimo cititaj, li ne estis feliĉa, laŭ elpruvas iuj leteroj liaj, kiujn oni konservas.

Por bone kompreni la meriton de Durer sufiĉas koni, ke Rafael, ĉi tiu genio de la pentrarto, religie ornamis sian studejon per la pentroskizoj senditaj de la germana pentristo, kaj ke la tre delikata Guida havis kiel modelojn por siaj pentraĵoj tiujn de Alberto.

En tiu ĉi epoko famiĝis iuj artistoj ne nur pro la pentrarto de ili prilaborata sed ĉar samtempe ili brilis per aliaj prilaboroj: Leonardo de Vinci, Miguel Angel kaj aliaj. Alberto Durer posedis la beletristikon, estis sperta matematikisto kaj inĝeniero, bona skulptisto kaj graburisto. Li estis la unua donanta al siaj samlandanoj la regulojn pri perspektivo kaj proporcioj por la artoj. Li elpensis la graburaĵon klar-malklaran kaj akvoforan; li verkis kaj eldonis la unuan traktaton pri fortikaĵarto en Germanujo.

Alberto Durer verkis multenombrajn pentraĵojn; liaj postretoj estas admirindaj; liaj pejzaĝoj, modeloj pri ĉarmo kaj realeco. Lia plej bona verko prezentas Jesuon sur la kruco kiel ĉefan figuron, suben, amason el papoj, kardinaloj kaj imperiestroj, aperante inter ili la portreto de la artisto tenanta skribaĵon dirantan lian nomon.

La verkoj de ĉi tiu artisto estas rimarkindaj pro la firmeco de la laboro kaj perfekteco de la desegno, sed oni ne povas diri same pri la esprimo de la figuroj kaj pri la precizeco de la konturoj.

Li naskiĝis la 20.an de Majo de 1471 kaj mortis la 6.an de Aprilo de 1528.

*Artemulo*

---

# MAKSIMOJ

La sola vero sur la tero estas, ke la vero ne estas sur la tero. (*Buddhano.*)



Instrui la virinon estas detrui la religion. (Araba maksimo.)



Lutero diris ke Tero anstataŭ larmejo devis esti ĝardeno del Homaro.



Neniam metu nutraĵon en buŝo de l' malsatulo per malpropra mano.



Neniam permesu ke ombro de via najbaro sin intermetu inter vi kaj via helpato.



Neniam donu per viaj servistoj monon aŭ nutraĵon al almozpetanto. (Maksimoj el Buddhismo.)



Malamo kaj timo estas esence la samo. Kiu timas neniun, tiu neniun malamas. Kiu neniun malamas, tiu timas neniun. (El la verko *La Sekreta Doktrino.*)

*Tradukis* F. R.

# ESENIOS

Oni nomis *esenios* membrojn de sekto tre grava de la juda gento, samtempa je Kristo kaj konsistanta el du klasoj: *praktikemuloj* kaj *teoriemuloj* ankaŭ alnomitaj *terapiuloj.* Ĉi tiuj vivadis en la izoleco, en konstanta preĝpraktiko kvazaŭ asketoj, en Egiptujo kaj multenombre, sed oni ne devas konfuzi ilin kun la unuaj kristanaj asketoj aŭ dezertuloj.

La apartenantaj al la unua klaso vivadis komunume en plej malplej grandaj rondoj, kulturigante la teron, promesinte fari kiel eble plej perfektan kaj simplan vivon, pro kio ili loĝis en apartaj lokoj elĉerpante el la tero precizajn fruktojn, nepre necesajn nutraĵojn, ĉar ili ne havis komercon kaj malestimis, malŝatis la riĉaĵojn. Ĉe ili ne estis servuto, ĉiuj same laboris, kaj loĝis kaj manĝis kune; plene laŭ eblo helpis sin reciproke; zorgis kaj edukis same ĉiujn idojn siajn, en plena egaleco; vestis sammaniere blanke, kaj ĉian propraĵon forlasis por la tuta gento ĉar tio ĉi estis ĉe ili leĝo nepre plenumota ĉiam. Edzeco ne ekzistis ĉe ili. Ili celis konstante kaj atenteme instrui la infanaron de ĝia plej freŝa infaneco pri sia kredo, pri sia doktrino. Ĉiam ili estis tre singardemaj je la kolero.

La *esenioj* ŝatis pli studi moralecon, ol kiu ajn alian studon; ili sin banis honeste post la laboro ĉiutaga iom pli antaŭe je la tagmezo kaj sin baninte tuj sidantaj en plena silento manĝis solan nutraĵon kaj panon. Ĵus manĝinte ili relaboris ĝis la sunkuŝiĝo. Kiam iu falis en gravan kulpon, ili elpelis la kulpulon el la komunumo kaj eĉ neis al li la nutraĵon: multaj kulpuloj pereis kaj aliaj estis pardonataj pro kompato.

Oni diras ke Jesuo apartenis al ĉi tiu sekto; ke tial Mario kaj Jozefo forkuris al Egiptujo helpitaj de siaj samsektanoj ĉar en tiu lando ĉe la amikaj rondoj ne estis danĝero kaj jes protekto; ke tial Jesuo uzis la blankan veston kaj fariĝis *terapiulo;* ke la anĝeloj timigantaj la soldatojn el Romo gardantajn la korpon de Jesuo, estis esenioj profitantaj forkuron de la soldatoj por preni la korpon de la amata kunulo.

# BIBLIOGRAFIO

*De The Esperanto Ofice.*—West Newton, Mass (Usono) ni ricevis du belajn legindajn verketojn: «La Akrobato de Nia Sinjorino» kaj «Blanche» (La Virgulino de Lille). Ili sufiĉe bone tradukitaj el angla lingvo, tamen montrante iujn vortojn nefundamentajn; belege prezentitaj. Estas kedaŭrinde ke ambaŭ verkoj estas tradukaĵoj de tradukaĵoj.

La unua prezentas al ni vagantan akrobaton bonaniman, kiu, lacigita de tia vivo, monaĥiĝas, kaj tial ke li scias nenion kaj povas fari nenion koncernantan la vivon de l' manaĥoj; kanti, preĝi, k. c., li decidas esti agrabla al «Nia Sinjorino», kaj, dum la monaĥaro plenumas siajn devojn, li subiras

ĉiutage kaj kaŝe al la kripto kaj antaŭ la Virgulino Mario plenkore, demetita la monaĥa vestaro, faradas siajn akrobataĵojn ĝis fali ŝvitante kaj preskaŭ senkonscie planken. Tagon, suspektema monaĥo lin sekvas, vidas liajn farojn kaj avertas la monaĥestron pri la okazintaĵoj; la monaĥestro ordonas la subulon silenti kaj akompani lin je la sekvanta tago kaj je deca horo iri al la kripto, por ili sin kaŝi kaj observi farojn de la akrobato. Tiel ili faras; la akrobato, ĵus alveninta al la kripto kaj kun plena fervoreco elmontrata de sia vizaĝo, ekfaradas mortsaltojn mirindajn kaj de tempo al tempo petegas al la Jesupatrino ke ŝi ne malestimu lin, kaj li daŭrigadas senlace ĝis fali senkonscie planken kaj tiam okazas mirakIo, Nia Sinjorino kun la ĉielkortego malsupreniras al la falinto kaj flegas lin ameme, benas lin kaj returneniras en sian lokon dum malaperas la anĝeloj. La abato kaj la monaĥo miras plenaj je amo al la falinto kaj forlasas la kripton. Tagon la Abato alvokas la akrobaton kaj ĉi tiu falas en malĝojon timante punon kaj forpelon sed trankviligata de la abato, li rakontas ĉion' kaj tiam li ricevas amparolojn de la monaĥestro, sed tiel granda estis la emocio ke li grave malsaniĝis kaj mortis kvazaŭ sanktulo.

La dua priskribas legendon pri belega busto el vakso reprezentanta junulinon de nekonata aŭtoro, konservata en la Muzeo de Lille (Francujo).

La legendo parolas pri nobelulo mortmalsana, vidvo, Duko de Montalme kiu havas junan filinon belan, kaj frato ĵus reveninta el milito itala ĉar li perdis sian maldekstran kruron. Tial ke la kripulo devas heredi la Dukon, ĉi tiu timas pri sia filino kaj li ekmortanta petas al sia frato ke li edzigu kun sia nevino. La onklo rifuzas kaj je la momento de la agonio, la Duko komprenas la korsenton de sia frato.

La kripulo de tiam zorgeme, ameme atentas la junan nevinon belegan, ĉar la kortego de la reĝo Francisko I.ª estas diboĉejo. Feliĉa sin sentas la nevino kaj timema la onklo pensanta pri la orgioj de la nobelularo.

Tagon enportas en la kastelon vunditan kavaliron, kiun de la momento flegas ameme kaj sindoneme Blanche. La kavaliro estas unu el orgiemuloj de la kortego vundita de rabistoj, kaj rekonsciiĝanta miras pro la beleco de Blanche, kiu de tiu momento forlasas la flegadon. Blanche sentas bati sian koron pro amo kaj la kavaliro amebrie rigardadas la belulineton, kaj amalparolas al ŝi.

En la kapelo de l' kastelo sur altaro staras sanktulo kun ringo en la montrafingro kaj pri kiu estas legendo: Se persono iu ajn je noktomezo demetus la ringon al la sanktulo kaj portus ĝin ĝis la sekvanta noktomezo kaj ĝin remetus al sanktulo ne estinte faliganta la ringon, deziro de la depreninto efektiviĝos; sed se la ringo falus planken antaŭ ĝin remeti, terura malfeliĉego estos okazonta al la kuraĝulo.

Blanche plenamema je la kavaliro kuraĝas demeti la ringon kaj elirante el la kapelo sin trovas antaŭ la kavaliro kiu atingas restigi ŝin ĉe siaj brakoj kaj surprizas ilin la kripulo, kiu kuraĝe sin ĵetas en la perfidulon, sed Blanche sin metas antaŭ la amato, etendante la brakojn, por lin gardi kaj pro la movo la ringo saltas el ŝia fingro.

La Kavaliro forlasas la kastelon kaj la tempo pasadas; Blanche senespera malsaniĝas ĉar la amato neniam revenas. Tagon, la vaganta kortego de la reĝo sin prezentas ĉe la kastelo momentojn, inter la korteganoj la amato de Blanche, pri kiu poste monaĥoj gastigataj en la kastelo parolas konsiderante lin la plej orgiema. Scio tia plene senesperigas Blanche'n. Nokton, ŝi vekiĝas subite kaj alkuras al la fenestro ĉar aŭdas galopon de ĉevalo; ŝi vidas lin kaj kantas al li, etendante samtempe la brakojn kaj sin klinante eksteren, kanton kiun ŝi aŭdis al li; ŝi kantas laŭte pli kaj pli kaj la rajdanto haltas sed post momentoj regalopas rapide malproksimen, kaj sin klinante pli kaj pli eksteren kaj ekĝemante senesperajn parolojn, ŝi falas en la profundan fosaĵon kaj mortas, sed ŝajne ŝi dormas.

Pentita la kavaliro monaĥiĝas kaj dum la libertempo, kiun lasas al li la monaĥaj devoj, li faras, malfaras, refaras, remalfaras konstante tago post tago dum jaroj buston el vakso, ĝis tago kiam li ŝatas la buston de la virgulino, de tiu feliĉa tago post unu jaro li mortas.

★

ANGLA KAJ ESPERANTA ETIMOLOGIO
(Tabeloj de Etimologioj)

Tre interesa broŝuro havebla ĉe British Esperanto Association, 17, Hart Street, London, W. C. I.—Kvar respondkuponoj; dekokpaĝa; angle-esp. verkita por pruvi kaj evidentigi al Angloj kaj Francoj la naturecon kaj internaciecon de Esperanto; la aŭtoro, Chorles G. Stuart-Menteth, celas per ĝi esti utila al instruistoj de lingvoj.



CURSO ELEMENTAL DE ESPERANTO
*De Saldanha Carreira kaj Luzo Bemaldo*

La aŭtoroj riĉigis la verkaron nian per tre bona lernolibro por siaj samlandanoj. Ili finas sian verkon per Vortaro Esp-port. kaj Port-esp.



BILDOTABULOJ POR LA INSTRUADO DE ESPERANTO

La firmo Ferdinand Hirt kaj Filo en Leipzig ĵus eldonis bonegan libron por la instruado kaj lernado de Esperanto. Ĝi enhavas 35 bildoj detalajn, ĉar la formato granda de la libro tion permesas, kun klariganta teksto (ekzercoj, ekzemploj, demandoj, dialogoj, k. c.). Kompletigas ĉi tiun mirindan lernolibron la Fundamenta Gramatiko kaj Ekzercaro de D-ro Zamenhof, Monsistemaj Tabeloj, eltiro de privata letero de la Majstro pri genezo de nia lingvo kaj la tri poemoj de nia glorulo: La Espero, La Vojo kaj Preĝo. La libro konsistas el 103 paĝoj kaj ni rekomendegas al ĉiuj Esperantistoj la aĉeton; la libro estas bonega perfektigilo por Esperanto. La prezo ŝanĝas kaj ĉiu dezironta la libron devos sin turni al la eldonistoj.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo). - Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanujo).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

---

Gerardo Fernández Pérez. - Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

---

Fidel Oltra, fotografisto, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi fotografaĵojn pri monumentoj, prin arĥeologiaj antikvaĵoj kaj artaj vidindaĵoj el ĉiuj landoj.

---

Miguel Ribas de Pina, Komandanto de la 10.ª Regimento Artileria, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi hispanajn ilustritajn gazetojn kontraŭ revuj (nur ilustritajn) aŭ jam ɪogitsj libroj en Esperanta, Franca, Itala kaj Portugala lingvoj.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Sidonio Pintado, en Baltanas (Provinco Palencia). Hispanujo. Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj proceDoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava jurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

---

Juan Calahorra. Strato Balenchana, 3, kvastado (Prosperidad), Madrid (Hispanujo). - Korespondados pri muziko.

---

Adolfo Oberrotman. Varsovio, strato kzak Przedm, 10 (Polujo).—Deziras reprezenti eksterlandajn firmojn por Polujo, Litonio kaj Galicio, pri ĉiuj specaj komercajn informojn pri ĉiuj komerclokoj polaj. Filatelistoj devos sin turdial mi!

---



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid